POR NIAJ INFANOJ

EDMONDO DE AMICIS

# ITALAJ RAKONTOJ



PAOLET - S. VITO AL TAGLIAMENTO
ITALIA

*POR NIAJ INFANOJ*

EDMONDO DE AMICIS

# ITALAJ RAKONTOI

*ESPERANTEN TRADUKITAJ EL ITALA TEKSTO*
*de*
*D-ro P. C. MONTI*

---

DUA ELDONO

---

A. PAOLET - S. VITO AL TAGLIAMENTO (ITALIA)

# ANTAŬPAROLO
## DE LA UNUA ELDONO

EDMONDO DE AMICIS *(1846-1908) jam estas konata en la esperanta literaturo, dank' al du belaj tradukaĵoj de S-ino Junck. Malfeliĉe tie ĉi ni ne povas diri pri li pli ol kelkaj vortoj, nesufiĉaj por montri la gravecon de tiu ĉi verkisto en la itala literaturo.*

*Jam de la junaĝo li verkis artikolojn kaj novelojn ŝatindajn pro noblaj sentoj, pro pureco kaj ĉarmeco de arto lia tute natura.*

*Lia oficira vivo inspiris al li* Bozzetti Militari.

*La impresojn pri longaj vojaĝoj li publikigis per famekonataj libroj:* Sull' Oceano, Olanda, Parigi, Londra, Spagna, Costantinopoli, Marocco, *k.t.p. Sed maloftan sukcesegon havis lia libro por geknaboj* Cuore *(Koro). Pli ol 300.000 ekzempleroj disvendiĝis dum malmultaj jaroj; ĝi tradukiĝis en ĉirkaŭ 20 lingvojn.*

*La ses rakontoj — kiujn ni publikigas laŭ ĝentila permesrajto de la milanaj eldonistoj* FRATOJ TREVES *— estas eltiritaj el* Cuore.

*Ni estas certaj, ke la tutmonda esperantista legantaro bonakceptos tiun eldonaĵon, kiu havas du precipajn meritojn: 1e esti elokventa kaj realeca pentraĵo de l' karaktero de l' itala popolo; kaj 2e montri ekzemplon de la lernejaj libroj, per kiuj tiu popolo edukiĝas kaj morale evoluadas.*

Milano, 1922



# LA ETA PATRIOTO EL PADOVA

Mi ne estos soldato malkuraĝa, ne: sed mi irus multe pli volonte lernejen, se nia instruisto farus ĉiutage rakonton kiel hodiaŭ matene. Li diris, ke ĉiumonate li faros tion: ke li donos al ni kopion de l' rakonto, kiu, ĉiel, pritraktos pri ago bela kaj vere farita de knabo. Tiu ĉi titoliĝas: « Le eta patrioto el Padova ». Jen ĝi:

Franca vaporŝipo levis la ankrojn de Barcelono, en Hispanujo, Genova' n. Kunvojaĝis Francoj, Italoj, Hispanoj kaj Svisoj. Inter aliaj estis dekunujara knabo, malbone vestita, solestarema kiel sovaĝa besto kaj rigardanta ĉiujn severokule. Kaj tute li pravis severokule rigardadi ĉiujn. Antaŭ du jaroj liaj gepatroj, laboristoj de l' ĉirkaŭaĵo de Padova, vendis lin al ĵonglistestro, kiu per pugnobatoj kaj piedfrapoj igis lin ĵonglisto, kaj kondukis lin tra Francujo kaj Hispanujo, batante ĉiam, sed

neniam satigante la malfeliĉulon. Fine, en Barcelono, ne povante plu toleri la batojn kaj la malsaton, en kompatindega stato, tiu ĉi sukcesis forflugi de sia turmentisto kaj alkuri por protekto ĉe l' Italan Konsulon, kiu kompateme enŝipigis lin sur tiun ŝipon, doninte al li leteron por la policestro de Genova, kiu devis lin realveturigi hejmen: al la gepatroj, kiuj estis lin vendintaj kiel beston. La mizera knabo estis kun vestoj disŝiritaj kaj malsaneta. Oni asignis al li duaklasan kajuton. Ĉiuj rigardis lin; iu lin aldemandis; sed li ne respondis, kaj ŝajnis malami kaj malŝati ĉiujn, tiel malbonigita de la senigoj kaj de la batoj.

Tamen tri kunvojaĝantoj, insistinte per demandoj, sukcesis malfermigi al li la buŝon: kaj tiam li per malmulte da krudaj vortoj, iom francaj, iom hispanaj, rakontis sian historion. Italoj ne estis la tri konvojaĝantoj: tamen ili komprenis kaj ĉu pro kompatemo ĉu pro ebrieteco donacis al li monerojn. Tiumomente sinjorinoj eniris la salonon, kaj ĉiuj la tri afekte donacis al li aliajn monerojn kriante: — Prenu tiun! — Prenu ankaŭ tion! — resonigante la monerojn sur la tablo. La knabo enpoŝigis ĉion,



dankante duonvoĉe, iom malafabla kiel kutime, sed per rigardo unuafoje rideta kaj ama. Poste li suprengrimpis sian kajuton, tiris la antaŭkurtenon kaj ekpensadis pri si. Per tiu mono li ja povos gustumi bonajn manĝaĵetojn sur la ŝipo — post dujara malsatado: aŭ aĉeti jaketon ĵus elŝipiĝinta en Genova — post dujara ĉifonvestado; aŭ, fine, porti ĝin hejmen kaj tiel esti akceptata de siaj gepatroj iom pli afable ol kun malplenaj poŝoj. Tiu mono estis por li malgranda trezoro. Tion li pensis malantaŭ la kurteno dum la tri kunvojaĝantoj meze de l' duaklasa salono babiladis ĉirkaŭ la manĝotablo. Ili trinkadis kaj babiladis pri vojaĝoj, pri de ili konataj landoj, kaj okaze ili ekparolis pri Italujo. Unu ekplendis pri la hoteloj, alia pri la fervojoj, poste ĉiuj varmiĝintaj parolis malbone pri ĉio. Unu estis pli volonte travojaĝonta Laponujon. Dua diris, ke en Italujo li trovis nur trompistojn kaj rabistojn. Tria, ke la italaj oficistoj ne scias eĉ legi. — Popolo nescianta — rediris la unua. — Malpura, — aldonis la dua. — Ŝte... — ekkriis la tria: li intencis diri *ŝtelema*, sed la vorton li ne povis fini: hajlado da moneroj grandaj kaj malgrandaj falis sur

iliajn kapojn kaj ŝultrojn, saltetante poste sur la tablo kaj sur la planko bruege. Ĉiuj leviĝis, furioze rigardante supren, kaj ili ricevis alian plenmanon da moneroj en la vizaĝo. — Reprenu vian monon, — ekkriis malestime la knabo, sin prezentinte el la kurteno de l' kajuto: — Mi ne akceptas almozon de kiu insultas mian patrujon!

***



# LA MALGRANDA VIDDEĴORANTO LOMBARDA

En 1859, dum la militado por la liberigo de Lombardio, kelke da tagoj post la batalo de Solferino kaj S. Martino venkita de l' Franco-Italoj kontraŭ la Aŭstroj, belan matenon de junio eskadrono da Saluzzo-kavalerianoj malrapide rajdadis sur vojeto senhoma kontraŭ la malamikojn, atente esplorante la kamparon. Estrumis oficiro kaj serĝento kaj ĉiuj rigardadis malproksimen antaŭe per fiksaj okuloj, senparole, atende ekvidi kiam ajn la blankajn uniformojn de l' aŭstraj antaŭpostenuloj. Ili alvenis tiel ĉe kampodomo ĉirkaŭata per fraksenoj, antaŭ kiu staris sole dekdujara knabo, senŝeligante branĉeton per tranĉilo por fari al si bastonon: el fenestro pendis larĝa standardo trikolora; interne estis neniu; la kampuloj, elpendiginte la standardon, forkuris pro timo de l' Aŭstroj. Ekvidante la kavalerianojn, la knabo forĵetis la bastonon kaj salutis per sia ĉapo. Li estis bela

knabo kun kuraĝa vizaĝo, okuloj grandaj kaj bluaj, haroj longaj kaj blondaj, sen jako kaj kun malkovrata brusto.

— Kion vi faras tie ĉi? — demandis lin la oficiro, haltante sur sia ĉevalo. — Kial vi ne forkuris kun via familio?

— Mi ne havas familion, respondis la knabo. — Mi estas trovitulo, kiu laboras iom por ĉiuj. Mi restis ĉi tie por vidi la militon.

— Ĉu vi vidis Aŭstrojn trapasi?

— Ne, de post tri tagoj.

La oficiro restis pripense kelkajn minutojn. Poste elseliĝis kaj, lasinte tie la soldatojn rigardantajn al la malamikaro, eniris la domon kaj supreniris la tegmenton.

La domo estis malalta; el ĝia tegmento nur oni vidis la proksiman parton de l' kamparo. — Estas necese suprengrimpi arbon, li diris, kaj malsuprevenis. Ĝuste antaŭ la draŝejo leviĝis altega kaj maldika frakseno, kiu svingis sian pinton en la bluaĵo. La oficiro staris iom pripensa rigardante jen la arbojn jen la soldatojn; subite li demandis la knabon:

— He, petolulo, ĉu vi vidas malproksimen?



— Mi? — respondis la knabo. — Mi vidas paseron je unu mejlo.

— Ĉu vi povus suprengrimpi tiun ĉi arbon?

— Tiun ĉi arbon? Mi?... Duonminute, jen.

— Kaj vi scius diri al mi tion, kion vi vidos el tie: ĉu estas aŭstraj soldatoj tiuflanke aŭ polvonuboj aŭ briletaj pafiloj aŭ ĉevaloj?

— Certe mi scius....

— Kion vi postulas?

— Kion? — diris la knabo ridetante. — Nenion mi pretendas. Ha! Estas tiel facile. Rigardu.... Se tio estus por la tedeskoj *(germanaŭstroj)* neniam, sed por la niaj!... Mi estas lombardo.

— Bone. Suprengrimpu, do.

— Unu minuton: mi min senŝuigas.

Li sin senŝuigis, streĉis sian pantalonrimenon, ĵetis ĉapon sur la herbejon kaj ĉirkaŭprenis la fraksentrunkon.

— Sed atentu, — diris la oficiro, subite haltigante lin kvazaŭ time.

La knabo turnis al li siajn helajn okulojn bluajn demande.

— Nenio, — diris la oficiro; — suprengrimpu.

La knabo suprengrimpis kiel kato.

— Rigardu antaŭen, — kriis la oficiro al la soldatoj.

Baldaŭ la knabo atingis la pinton de l' arbo, kaŝata de l' foliaĵo krom la brusto, sur kiu kaj sur la blonda kapo reflektiĝis orumanta la suno. La oficiro penis vidi lin pro l' alteco de l' frakseno.

— Rigardu rekte malproksimen, — li kriis al li.

La knabo por vidi pli bone disigis sian dekstran manon de l' trunko kaj aligis ĝin je l' frunton.

— Kion vi vidas? — demandis la oficiro.

La knabo klinis la vizaĝon kaj, metinte ĉe l' buŝo manon kiel paroltubon, respondis:

— Du rajdantojn sur la strato blanka.

— Kiom malproksime?

— Duonmejle.

— Ĉu ili moviĝas?

— Ili haltis.

— Kion alian vi vidas? — demandis la oficiro post iom da silento. — Rigardu dekstren.

La knabo rigardis dekstren.

Poste li diris:



— Ĉe l' tombejo inter la arboj estas io brileta. Ŝajnas bajonetoj.

— Ĉu ne homoj?

— Ne, eble ili estas kaŝataj meze de l' tritiko. — Tiumomente akrega kuglofajfo trapasis alte l' aeron kaj mortis malproksime malantaŭ la domo.

— Malsupren, knabo! — kriis la oficiro. — Ili vidis vin. Mi nenion alian bezonas. Venu malsupren.

— Mi ne timas, — respondis la knabo.

— Malsupren.... — rekriis la oficiro. — Kion vi vidas maldekstre?

— Ĉu vi diris maldekstre?

— Jes, maldekstre.

La knabo turnis sin maldekstren: tiam alia fajfo pli akra kaj malalta fendis la aeron. La knabo ektremegis. — Pro l' diablo! li ekkriis, min ili celas! — La kuglo traflugis tute proksime.

— Malsupren! — kriis la oficiro komande kaj ekscitite.

— Mi tuj venas, — respondis la knabo. — Sed la arbo ŝirmas min, ne timu. Maldekstre, ĉu ne?

— Maldekstre — respondis la oficiro, — sed venu malsupren.

— Maldekstre, — kriis la knabo, elpendigante la tutan bruston tiuflanken, — kie estas kapelo ŝajnas al mi vidi....

Tria fajfo pli kolera alte traflugis kaj samtempe oni vidis la knabon malsuprenveni falegante kun la kapo malsupre.

— Malbeno! — kriis la oficiro, alkurante.

La knabo falis teren dorsen kaj restis tiel kun malfermitaj brakoj; sangorivereto elfluis el brusto lia, maldekstre. La serĝento kaj du soldatoj elseliĝis; la oficiro kliniĝis kaj malfermis lian ĉemizon: la kuglo estis trafinta lian maldekstran pulmon.

— Mortinta! — ekkriis la oficiro.

— Ne, li vivas! — diris la sarĝento. — Ha! malfeliĉa knabo. Brava knabo! — kriis la oficiro. — Ne timu! Ne timu! — Sed dum li lin kuraĝigis kaj surpremis per poŝtuko lian vundon, la knabo movetis la palpebrojn, lia kapo falis malantaŭen: li estis mortinta. La oficiro paliĝis kaj rigardis lin iomete; poste kuŝigis lin sur la herbejo; leviĝis, kaj rigardadis lin; ankaŭ la serĝento kaj la du soldatoj rigardis lin senmovaj; la aliaj estis turnitaj kontraŭ la malamikaro.



— Malfeliĉa knabo! — ripetis melankolie la oficiro. — Malfeliĉa kaj kuraĝa knabo!

Poste li alproksimiĝis al la domo, deprenis de l' fenestro la flagon trikoloran kaj sternis ĝin kiel funebran drapon sur la mortinteto, lasante lian vizaĝon malkovrita. La serĝento kunigis apude ŝuojn, ĉapon, bastoneton kaj tranĉilon.

Ili staradis ankoraŭ iom silente; poste la oficiro diris al la serĝento: — Ni forveturigos lin per la militista ambulanco: li mortis kiel soldato, la soldatoj entombigos lin. — Dirinte tion li ĵetis kison al la mortinto per la mano, kaj komandis: Selen! — Ĉiuj saltis selen kaj la eskadrono forrajdis.

Sed post kelkaj horoj la mortinta knabo ricevis siajn militistajn honoraĵojn.

Je l' sunsubiro la tuta linio de niaj antaŭpostenoj antaŭeniris kontraŭ la malamikaron, kaj sur la vojeto trairita matene de l' eskadrono, marŝadis duoble nombroriĉa bataliono da bersalieroj, kiu antaŭ kelkaj tagoj estis venkinta ĉe S. Martino. La soldatoj jam sciis pri la morto de l' knabo antaŭ la ekmarŝado. La vojeto, flankumanta rivereton, pasis apud la domo.

Kiam la unuaj oficiroj de l' bataliono vidis la malgrandan kadavron kuŝantan ĉe l' frakseno kaj kovritan per trikolora flago, salutis lin per la sabro; alia oficiro deprenis du florojn ĉe l' rivereto florumata kaj ĵetis ilin al li. Tiam ĉiuj trapasantaj bersalieroj deprenis florojn kaj ilin ĵetadis al la mortinto. Post iom da tempo la knabo estis tute kovrita per floroj, kaj oficiroj kaj soldatoj ĉiuj faris al li saluton: — Brava Lombardeto! Adiaŭ, knabo! Al vi, blondulo! Vivu! Gloron! Adiau! — Oficiro ĵetis al li sian medalon je l' braveco, alia iris kisi lian frunton. Dume la floroj pluvadis sur la nudajn piedojn, sur la sangan bruston, sur la kapon blondan.

Kaj li dormadis tie sur la herbejo envolvita per sia flago, kun la vizaĝo blanka kvazaŭ rideta, malfeliĉa knabo! kvazaŭ se li aŭdus tiajn salutojn kaj ĝojus oferinte vivon por sia Lombardio.

***



# LA SKRIBISTETO FLORENCA

Li estis en la kvara klaso de l' unuagrada lernejo: gracia Florencano dekdujara, kun nigraj haroj kaj vizaĝo blanka, la plej maljuna filo de fervojaroficisto, kiu, kun familio nombroriĉa kaj malgranda stipendio, vivadis mizere. Lia patro lin amis korege kaj estis bona, indulgema kun li: indulgema pri ĉio krom pri lerneja afero: tiurilate multon li pretendis kaj montriĝis severa, ĉar la filo devis iĝi kiel eble plej baldaŭ kapabla oficisto por helpi sian familion: kaj, tiacele, li devis multe penadi dum tempo mallonga. Kaj, kvankam la knabo studadis, la patro lin ĉiam instigis studadi. Jam maljuna estis la patro, kaj eĉ pli frue lin maljunigis la troa laboro. Tamen pro l' familia malriĉeco, krom la multa oficlaboro, li penadis preni sur sin kopiistaĵojn kaj tiel pasigis eĉ noktoparton ĉe l' skribotablo. Lastatempe li estis preninta sur sin de eldonista firmo, kiu publikigis po kajeroj ĵurnalojn kaj

librojn, la taskon skribi sur la banderoloj la adresojn de l' abonintoj: tiamaniere li gajnis tri frankojn po kvincent ĝuste kaj bele skribitaj banderoloj. Sed tia laboro lin lacigis kaj li plendis pri tio ĉe la familia vespermanĝo.

— Miaj okuloj malakriĝas; — li diris, — tiu nokta laboro min mortigas. — Paĉjo, lasu min labori anstataŭ vi: vi ja scias, ke mi skribas kiel vi tute egale. — Sed la patro respondis: — Ne, fileto mia; studi vi devas: via lernejo estas multe pli grava ol miaj banderoloj. Mia konscienco riproĉus min, se mi perdigus al vi unu horon. Mi dankas, sed mi ne volas ke vi eĉ parolu pri tio.

La knabo sciis, ke kun la patro estis vane insisti, kaj li ne insistis. Sed jen kion li faris. Li sciis, ke precize je noktomezo lia patro ĉesis skribadi kaj el sia skribejeto iris dormoĉambren. Jam li aŭdis lin: je la dekdua bato de l' pendolhorloĝo la bruo de seĝo movita kaj malrapidaj paŝoj aŭdiĝis. Ian nokton, la filo atendis ĝis kiam li kuŝiĝis; silente sin vestis, iris palpante en la skribejeton, reekbruligis la petrollampon kaj sidiĝis ĉe la skribotablo. Tie estis amaso da blankaj banderoloj kaj listo da adresoj:



perfekte imitante la patran skribmanieron, li ekkopiis ilin. Volonte, kontente kaj timetante skribadis li, kaj la banderoloj amasiĝis: de tempo al tempo la knabo demetis la plumon kaj frotis siajn manojn, por rekomenci tuj pli rapide, atentorele kaj ridetante. Cent sesdek banderolojn li skribis: unu frankon. Tiam li haltis, remetis la plumon kie li estis ĝin trovinta, estingis la lampon kaj reiris liten piedfingre.

Tiun tagon, tagmeze, la patro sidiĝis ĉe l' manĝotablo gajhumora. Li estis nenion eksciinta, ĉar tiun laboron li faradis meĥanike, ĝin kalkulante je horoj kaj dume pensante pri aliaj aferoj: la banderolojn li denombris morgaŭe. La patro sidiĝis gajhumora ĉe l' manĝotablo kaj frapetante la ŝultron de sia filo: — He Ĝuljo, — li diris — bona skribisto estas ankoraŭ via patro, mi vin certigas! Dum du horoj hieraŭ vespere, mi skribis trionon da banderoloj pli ol kutime. Mia mano estas ankoraŭ sufiĉe rapida kaj okuloj ne laciĝas. — Tiam Ĝuljo, kontenta kaj silenta, diris al si: « Kara paĉio, mi havigas al vi, krom la gajno, tian kontentigon, ke vi kredas esti juniĝinta. Nu, antaŭen! »

Kuraĝiĝinta pro tia sukceso, la morgaŭan

nokton li leviĝis ree kaj skribadis. Tiel li faris dum kelkaj noktoj, kaj lia patro nenion ekvidis. Nur iam, vespermanĝante, li ekkriis: — Strange, kiom da petrolo bruliĝas de post kelka tempo en tiu-ĉi domo! — Ĝuljo ektremis: sed la patro ne daŭrigis pri tio: kaj la nokta laboro daŭradis.

Malfeliĉe, interrompante tiel ĉiunokte sian dormadon, Ĝuljo ne ripozis sufiĉe: matene li leviĝis laca kaj vespere, skribante sian taskon, li penadis teni la okulojn malfermitaj. Iun vesperon — neniam antaŭe okazis tio dum lia vivo — li ekdormis sur sia kajero. He! He! — kriis la patro plaŭdante la manojn, — laboru, filo mia! — Ĝuljo skuiĝis kaj skribadis. Sed la morgaŭan kaj la postmorgaŭajn vesperojn okazis same, eĉ plie: li dormetis sur la libroj, leviĝis pli malfrue ol kutime, studis sian lecionon lacmaniere, lernadon ŝajnis li malami. Lia patro ekobservis lin, poste priokupiĝis, fine lin ekriproĉis. (Neniam estis deviĝinta tion fari!) — Ĝuljo — li diris ian matenon, — vi volas min trompi, vi ne estas plu la sama. Mi ne povas toleri tion. Vi scias, ke vi estas la espero de l' tuta familio. Mi ne estas kontenta pri vi. Ĉu vi komprenas? — Je tiu riproĉo — la unua tute severa, kiun



li ricevis — la malfeliĉa knabo maltrankviliĝis. « Ho! jes — li pensis — vere! tiel oni ne povas daŭrigi: la trompo devas fini ». Sed ĝuste tiun tagon, je vespermanĝo, la patro gaje diris: — Ĉu vi scias, ke mi dum tiu-ĉi monato pligajnis tridek-du frankojn per banderolskribado?! — Kaj dume el tirkesto de l' tablo li eltiris bombonpakaĵon aĉetitan por festi la eksterordinaran gajnon kune kun siaj gefiloj, kiuj ĉiuj ekakceptis ĝin per manplaŭdado. Tiam Ĝuljo kuraĝiĝis kaj diris al si mem: « Ne, paĉjo mia, mi ne ĉesos vin trompi; mi plimulte penados por studi dum la tago; sed nokte mi laborados por vi kaj por la aliaj ». Sed la patro aldonis:

— Tridek-du frankojn plue! Mi estas kontenta. Sed estas tiu, — li montris Ĝuljon, — kiu min dolorigas. — Ĝuljo reenpelis silente du larmojn, kiuj estis elfluantaj pro l' riproĉo, sed li sentis samtempe grandan dolĉecon en la koro.

Kaj li daŭradis laboregi. Sed laciĝo superamasiĝis, kaj estis ĉiam pli malfacile toleri ĝin. La afero daŭris de post du monatoj. La patro riproĉadis la filon kaj rigardadis lin kolerokule. Iun tagon li iris peti informojn de lia instruisto, kiu diris: — Jes, li lernas, ĉar li

estas inteligenta. Sed li ne estas bonvola kiel antaŭe. Li dormetas, li oscedas, li distriĝas. Li skribas mallongajn taskojn, rapide, per malbela skribado. Ho! li povus multe pli fari ol nun!...

— Tiun vesperon la patro apartigis la filon kaj riproĉis lin pli grave ol ĉiam: — Ĝuljo, vi vidas, mi eluzas miajn fortojn por la familio. Vi ne min kunhelpas. Vi ne havas bonan koron por mi nek por viaj fratoj nek por via patrino! — Ha ne! Ne diru tion, paĉjo! — kriis la filo ekploregante, kaj li malfermis la buŝon por konfesi ĉion. Sed la patro interrompis lin. — Vi ja scias la familian staton; vi ja scias, ke estas necese bonvolo kaj sinoferoj de ĉiuj. Mi mem, vi tion vidas, devus duobligi mian penadon. Tiun-ĉi monaton mi esperis ricevi gratifikacion je cent frankoj de la Fervojaro, kaj hodiaŭ matene mi sciiĝis, ke mi nenion ricevos! — Tiam Ĝuljo reenpelis tuj sian konfeson, kaj diris al si decidanime: — Ne, paĉjo, mi diros al vi nenion; mi gardos la sekreton por labori por vi; doloron vian mi kompensas per gajno; pri la lernejo mi ĉiam studados sufiĉe por superi la ekzamenojn; tio, kio gravas, estas kunhelpi vin gajni la vivon kaj malpezigi al vi penadon, kiu vin mortigas.



Kaj li daŭrigis kaj pasis du aliaj monatoj je dumnokta laboro kaj laceco dumtaga, je egaj penadoj flanke de l' filo, je riproĉoj maldolĉaj flanke de l' patro. Sed, plej bedaŭrinde, tiu ĉi ĉiutage plimalvarmiĝis kontraŭ sia filo, kun kiu nur malofte parolis, kiel se li estus iĝinta sentaŭgulo, de kiu oni povis esperi nenion, kaj eĉ evitis renkonti rigardon lian. Tion ekvidis Ĝuljo kaj malgajiĝis; kaj, kiam lia patro turnis al li la dorson, kaŝe jetis al li kison, antaŭenigante la kapon kun kompata kaj melankolia dolĉeco. Plie iom pro doloro, iom pro penado, ĉiutage li malgrasiĝis kaj senkoloriĝis, devigata ĉiam malplizorgi siajn studojn. Li ja komprenis, ke tio ne povis daŭradi kaj ĉiuvespere li decidis: — Tiun-ĉi nokton mi ne leviĝos plu; — sed je l' sono de noktomezo, ĝuste kiam li devis energie efektivigi sian decidon, li sentis konsciencoriproĉon: ŝajnis al li, ke, se li restus en la lito, li malŝatus devon, li ŝtelus frankon al sia patro kaj al sia familio. Li do leviĝis pensante, ke ian nokton lia patro vekiĝos kaj surprizos lin, aŭ ekvidos la trompon per duobla denombrado de l' banderoloj: kaj tiam kompreneble ĉio finos ne pro lia volo, ĉar li ne estas kapabla voli tion.

Sed iam, vespermanĝante, la patro eldiris parolon, kiu estis decida por li. Lin estis rigardinta patrino lia, kiu trovis lin pli malbonfarta kaj pala ol kutime, kaj ekkriis: — Vi malsanas, Ĝuljo! — kaj, sin turnante al la patro, maltrankvile ŝi diris: — Ĝuljo malsanas. Rigardu kiel li estas pala. Ĝuljo mia, kion vi sentas? — La patro ĵetis sur lin rapidan rigardon kaj diris: — Malbona konscienco kaŭzas farton malbonan. Li ne estis tiel, kiam li estis studema knabo kaj filo amema. — Sed li malsanas! — ekkriis la patrino. — Mi estas indiferenta! — respondis la patro.

Tiu parolo estis kiel tranĉilfrapo je l' koro de la malfeliĉa knabo. Ha! Li estis indiferenta. Lia patro, kiu ektremis iam, se nur aŭdis lin tuseti! Lin ne plu amis, do, la patro! sendube li estis mortinta en lia koro... Ha ne, patro mia, — diris al si la knabo dolorege — nun ĝi vere devas fini: sen amo via mi ne povas vivi, mi tute ĝin volas; mi diros al vi ĉion; mi vin ne trompos plu, mi studos kiel antaŭe: nenion mi preterlasos, se nur vi min amos, kara paĉjo mia! Ho, tiun fojon mi estas certa pri mia decido!

Tamen ankaŭ tiun nokton li leviĝis, pro



kutimo pli ol ial ajn; kaj leviĝinta li volis iri saluti, revidi dum kelkaj minutoj, en noktosilento, lastafoje, tiun ĉambreton, kie li tiel multe kaŝelaboradis, kun la koro plena je kontenteco kaj je dolĉeco. Poste, kiam li denove troviĝis ĉe la skribotablo, kun ekbruligita lampo, kaj vidis tiujn blankajn banderolojn, kie neniam plu li estos skribonta urbo- kaj personomojn, li melankoliiĝis kaj vivece reprenis la plumon, por komenci la kutiman laboron: sed, etendante manon, li ekpuŝis libron, kiu falis. Lia sango ekfluegis. Se lia patro vekiĝus! Certe li ne surprizus lin en ia malbonaĵo, ĉar li mem jam decidis konfesi ĉion; tamen... aŭdi tium paŝon alproksimiĝi en la mallumo; — surpriziĝi tiu. hore, tiasilente; — lia patrino, kiu vekiĝus kaj maltrankviliĝus; — kaj unuafoje la penso, ke lia patro eble estus humiliĝonta antaŭ li ekvidante ĉion... — ĉio tio lin kvazaŭ timigis. Li streĉis la orelon, eĉ senspirade... Bruon li ne aŭdis. Li orelumis ĉe l' pordo, kiu estis malantaŭ liaj ŝultroj: nenion. En la tuta domo oni dormadis. Lia patro ne estis aŭdinta. Li trankviliĝis kaj ree ekskribadis: la banderoloj amasiĝadis. Li estis aŭdanta la kadencan paŝon de

l' policanoj en la strato dezerta, poste veturilbruadon, kiu ĉesis subite; post kelka tempo bruadon de ŝarĝoveturiloj, kiuj traveturis malrapide; fine profundan silenton, nur malofte interrompatan per bojado de malproksima hundo. Li ĉiam skribadis. Kaj dume, malantaŭ li estis lia patro. Aŭdinte la librofalon, tiu ĉi leviĝis kaj estis atendinta la oportunan momenton: liaj paŝoj kaj la knaro de l' pordo ne aŭdiĝis pro la bruado de l' ŝarĝoveturiloj; kaj tie li estis, — kun sia blanka kapo super la kapeto nigra de Ĝuljo, — vidante la plumon moviĝadi sur la banderoloj: — unumomente li ĉion divenis, ĉion memoris, ĉion komprenis kaj senespera pento, senlima amemo enpenetris animon lian kaj tenis lin najlitan, sufokitan tie, malantaŭ lia fileto. Subite Ĝuljo elmetis laŭtan krion, — du konvulsiaj manoj estis premantaj lian kapon. — Ho paĉjo! paĉjo, pardonu! — li kriis; rekoninte sian patron je l' plorado. — Pardonu vi! — respondis la patro singulte kaj kovrante lian frunton per kisoj, — mi ĉion komprenis, mi ĉion scias, mi estas, kiu de vi petas pardonon, sankta krejtaĵo mia! Venu kune, venu! — kaj li lin alpuŝis aŭ, pliverdire, alportis ĉe la liton



de la panjo vekiĝinta, inter kies brakojn ĵetis lin dirante: — Kisu tiun anĝelan filon, kiu post tri monatoj, ne dormas kaj laboras por mi, dume mi dolorigas lian koron, lin, kiu gajnas por ni la panon! — La patrino ĉirkaŭpremadis lin malhelpata paroli; poste ŝi diris: — Iru dormi tuj, fileto mia, iru ripozi! Portu lin liten! — La patro prenis lin sur siaj brakoj, portis lin en lian ĉambron, kuŝigis lin liten, ĉiam spiregante kaj lin karesante, aranĝante kusenojn kaj littukojn. — Danke, paĉjo — ripetadis la filo, — danke: sed vi iru liten nun; mi estas kontenta; iru liten, paĉjo. — Sed lia patro volis vidi lin ekdormintan; li sidiĝis ĉe l' lito, prenis lian manon kaj diris al li: — Dormu, dormu, filo mia! — Kaj Ĝuljo, senfortiĝinta, fine ekdormis, kaj dormadis multajn horojn, ĝuante unufoje post kelkaj monatoj trankvilan dormadon ĝojigitan per sonĝoj ridantaj. Kiam fine li malfermis la okulojn (jam de longe brilis la suno), li ektuŝis kaj poste ekvidis ĉe sia brusto, apogitan je l' litbordo, la blankan kapon de sia patro, kiu tiel estis pasiginta la nokton, kaj ankoraŭ dormadis kun la frunto sur lia koro.

* * *

Dum la unua tago de l' batalo ĉe Custoza (elp. Kustoca), la 24an de Julio 1848, sesdeko da soldatoj de unu el niaj infanteriaj regimentoj estis sendataj okupi solestaran domon sur altaĵo. Sed tie ilin atakis neatendite du aŭstraj rotoj, kiuj per pafhajlado el diversaj flankoj lasis al ili la nuran tempon rifuĝi en la domon kaj rapidege bari la pordojn, ne zorgante pri kelkaj mortintoj kaj vunditoj, kiuj restis tra la kampoj. Barinte la pordojn niaj soldatoj rapidegis al la fenestroj de l' ter- kaj de l' unua etaĝo, por dense ekkontraŭpafadi la atakantojn, kiuj iom post iom alproksimiĝis duonronde, ĉiam pafante. La sesdek italajn soldatojn komandis du oficiroj kaj kapitano, alta maljunulo, malgrasa kaj rigida, kun haroj kaj lipharoj blankaj. Ankaŭ estis sardinia tamburisteto dekkvarjara, kiu ŝajnis apenaŭ dekdujara, laŭ la staturo, kun olivkolora vizaĝo kaj profundaj okuloj nigre

briletaj. La kapitano el unuaetaĝa ĉambro direktis la defendon per komandoj, kiuj ŝajnis pistolpafoj: sur lia vizaĝo fersimila nenia signo de maltrankvilo elvidiĝis. La tamburisteto, iomete pala, sed firmestara sur siaj kruroj, supreniris tablon, kie, longigante sian kolon kaj restante ĉe l' muro, rigardis tra la fenestroj eksteren; meze de l' fumo, tra la kampoj, li vidis la blankajn uniformojn de l' Aŭstroj, kiuj malrapide antaŭeniĝis. La deklivo, sur kiu staris la domo, unuaflanke estis kruta kaj tien malfermiĝis nur fenestreto de subtegmenta ejo; tiuflanke, do, ne minacis la Aŭstroj kaj la krutaĵo estis senhoma. Nur oni pafis kontraŭ la fasado kaj la du flankoj.

Sed ĝi estis infera pafado, hajlado de plumbaj kugloj, kiu ekstere fendetis la murojn kaj disrompis la tegolojn, interne frakasis plafonojn, meblojn, fenestrajn kadrojn, supren ĵetante lignosplitojn, morteraĵnubojn, potpecojn kaj vetraĵojn, fajfante, saltetante, ĉion rompegante tiel brue, ke la oreloj disfendiĝis. Iam post iam mortfalis mallantaŭen la soldatoj, kiuj pafadis ĉe l' fenestroj, kaj oni portis ilin flanken. Iuj ŝanceliĝis de unu al alia ĉambro manpremante siajn vundojn. En la kuirejo jam estis unu



mortinto, kun disfendita frunto. La duonrondo de l' malamikoj mallarĝiĝis.

Iumomente la kapitano, ĝis tiam senmova, maltrankviliĝis kaj rapide eliris la ĉambron akompanata de serĝento. Post tri minutoj la serĝento revenis, vokis la tamburisteton kaj komandis lin sekvi. La knabo sekvis lin suprenkurante lignoŝtuparon kaj kune enirante subtegmenton senmeblan.

Tie staris ĉe l' fenestreto la kapitano skribante paperfolion per krajono kaj je liaj piedoj kuŝis putoŝnuro.

La kapitano faldis la folion kaj, fikse rigardante la knabon per siaj grizaj kaj malvarmaj pupiloj, kiuj tremigis la soldatojn:

— Tamburisteto! — li diris severece.

La tamburisteto metis manon je l' viziero.

La kapitano daŭrigis:

— Vi havas kuraĝon.

La okuloj de l' knabo brilumis.

— Jes, sinjoro kapitano, — li respondis.

— Rigardu tien — diris la kapitano lin puŝante ĉe l' fenestreton, — en la ebenaĵon, proksime de Villafranka, kie estas brilumo de bajonetoj. Tie staras la niaj. Prenu tiun-ĉi folieton,

per tiu ŝnuro malsuprengrimpu tra l' fenestreto, trarapidegu deklivon kaj kamparon, ĝisiru tendaron la nian kaj donu la folieton al la unua oficiro, kiun vi renkontos. Forĵetu la portepeon kaj la tornistron.

La tamburisteto tion faris kaj metis en la brustan poŝon la folieton; la serĝento elpendigis la ŝnuron, tenante per ambaŭ manoj unu ekstremaĵon. La kapitano kunhelpis la knabon eliri tra l' fenestreto kun la dorso turnita al la kamparo. — Atentu, — diris li, — la savo de l' taĉmento dependas de via kuraĝo kaj de viaj kruroj.

— Fidu je mi, sinjor' kapitano — respondis la tamburisteto, sin elpendigante.

— Kurbiĝu en la deklivo — aldonis la kapitano, ekkaptante la ŝnuron kune kun la serĝento.

— Ne dubu.

— Dio helpu!

Rapidege la tamburisteto estis tere: la serĝento suprentiris la ŝnuron kaj malaperis: la kapitano restis ĉe l' fenestreto maltrankvile kaj vidis la knabon forflugantan malsupren.

Li jam esperis, ke li estis forfluginta nevidite, kiam kvin aŭ ses polvonubetoj leviĝis



antaŭ kaj malantaŭ la knabo. La Aŭstroj estis vidintaj lin kaj lin pafceladis el la altaĵo: la polvonubetoj estis tero suprenŝutata de la kugloj. Sed la tamburisteto kuradis rapide. Subite li ekfalis. — Pafita! — blekegis la kapitano mordante sian pugnon. Sed li ne estis ankoraŭ tion eldirinta, kiam li vidis la tamburisteton leviĝi. — Ha! Nur ekfalo! — diris al si mem, kaj trankviliĝis. Efektive la tamburisteto ree kuradis, sed lame. — Piedturniĝo, pensis la kapitano. Iuj polvonubetoj leviĝis ankoraŭ ĉirkaŭ la knabo, sed ĉiam pli malproksime. Oni ne devis plu timi. La kapitano elmetis triumfan ekkrion. Tamen li sekvadis lin per rigardo, maltrankvile, ĉar nun kontraŭstari oni povis nur malmultajn minutojn: se la tamburisteto ne ĝisiris tien kiel eble plej baldaŭe, kun la peto pri tuja helpo, aŭ ĉiuj liaj soldatoj pafmortiĝos aŭ li deviĝos kapitulaci. La knabo kuris iom rapide, poste malakcelis lametante, poste reekkuris, sed ĉiam pli malrapide kaj iam ekfalis, iam haltetis. — Kuglo eble lin rampetrafis, — pensis la kapitano, kiu rimarkis ĉiujn liajn movojn tremetante; li lin incitis, parolis al li, kiel se li estus aŭdanta; mezuris senĉese per flama okulo la spacon inter

tiu forkuranta knabo kaj la armilbrilumo, kiu vidiĝis malsupre en la ebenaĵo, meze de l' grenkampoj orumitaj de l' suno. Samtempe oni aŭdis fajfadon kaj bruadon en la subaj ĉambroj, la komandan kaj koleran kriadon de l' oficiroj kaj serĝentoj, laŭtajn ĝemojn de vunditoj, ruiniĝon de l' mebloj kaj de l' morteraĵoj. — Leviĝu! Kuraĝe! — li kriis, sekvante per rigardo la tamburisteton en malproksimeco, — antaŭen! flugu! Li haltas, malbenita! Ha! li rekuras! — Oficiro venis spiregante anonci al li ke la malamikoj ne ĉesante pafadon agitis blankan tukon por imponi kapitulacon. — Ne respondu! — li kriis ne disigante sian rigardon de l' knabo, kiu jam estis en la ebenaĵo, sed tiu ne kuradis plu kaj ŝajnis rampi penade. — Sed iru! sed flugu! — diris la kapitano premante la dentojn kaj la pugnojn: — mortiĝu, mortu, kanajlo, sed iru! — Poste li elĵetis teruran blasfemon. — Ha! mallaborema hundo, li sidiĝis! — Efektive la knabo, kies estis videbla ĝis tiam kapo tra la grenkampoj, malaperis kiel falinta. Sed post iom da tempo la kapo reaperis; fine li perdiĝis malantaŭ arbetaroj, kaj la kapitano ne vidis lin plue.



Tiam li rapidis malsupreu; la kugloj hajladis; la ĉambroj estis plenaj da vunditoj el kiuj iuj turniĝis kiel ebriuloj, alkroĉiĝante je l' mebloj; la parioj kaj la plankoj estis makulitaj je sango; meze de l' pordoj kuŝis kadavroj; la leŭtenanto havis brakon rompitan de kuglo; fumo kaj polvo kunvolvis ĉion. — Kuraĝe! — kriis la kapitano! — Ĉiu staru je sia posteno! Helpoj alvenas! Ankoraŭ iom da kuraĝo! — La Aŭstroj pliproksimiĝis; jam tra l' fumaĵo vidiĝis iliaj distaŭzaj vizaĝoj kaj tra la bruego de l' pafado aŭdiĝis iliaj sovaĝaj krioj, kiuj insultis, imponis kapitulacon, minacis buĉadon. Kelkaj soldatoj, timigitaj, retiriĝis de l' fenestroj; la serĝentoj ilin antaŭenpelis. Sed la defenda pafado malfortiĝis, malkuraĝo aperis sur ĉiuj vizaĝoj; kontraŭstari jam oni ne povis plu. Iumomente la pafado de l' Aŭstroj ekĉesis kaj tondra voĉo kriis unue germane, poste itale: — Cedu! — Ne! — kriegis la kapitano el fenestro. Kaj la pafado rekomencis pli dense kaj kolere ambaŭflanke. Aliaj soldatoj falis. La decida momento estis baldaŭa. La kapitano krietis duonvoĉe kun fermitaj dentoj: — Ili ne venas! Ili ne venas! — Kaj li kuradis furioza, turnigante

per konvulsia mano sian sabron, decidita mortiĝi. Sed jen serĝento venis el la subtegmento kaj kriis: — Ili alvenas! — Ili alvenas! — rekriis la kapitano. Je tiu krio ĉiuj, sanaj kaj vunditaj, serĝentoj kaj oficiroj sin ĵetis al la fenestroj kaj kontraŭstaro terura ree komencis. Post kelkaj minutoj rimarkiĝis ia maldecideco kaj ekmalordiĝo inter la malamikoj. Tuj, rapidege, la kapitano kunigis bandeton, en la teretaĝo por fari eliron bajonete. Poste li reflugis supren. Ĉi tie, li aŭdis hufbatadon rapidegan, teruran hura'on kaj li vidis tra l' fumaĵo, malproksime, moviĝi la dupintajn ĉapelojn de l' italaj karabinjeroj. Eskadrono da ili estis tuj alrajdinta ventrorampe; kaj jen nun fulmetado oftega de klingoj turnigataj tra l' areo, malsuprenlevataj sur la kapojn, sur la ŝultrojn, sur la dorsojn; — tiam la bandeto bajonete eliris el la pordo; la malamikaro ŝanceliĝis, malordiĝis, sin turnis; la spaco restis libera; liberiĝis la domo kaj post iom da tempo du italaj infanteriaj batalionoj kun du kanonoj okupis l' altaĵon.

La kapitano, kun la restantaj soldatoj, kuniĝis je sia regimento, batalis ankoraŭ kaj estis vundetita je l' mano maldekstra de



resaltinta kuglo, dum la lasta bajonetatakego.

Je l' tagfino nia estis la venko.

Sed morgaŭe, ree batalinte, la plimulteco de l' Aŭstroj premegis la Italojn, malgraŭ ilia kuraĝa kontraŭstarado, kaj ni deviĝis melankolie returnmarŝi al rivero Minĉò.

La kapitano, kvankam vundita, piedmarŝadis kun siaj soldatoj lacaj kaj silentaj. Je l' sunsubiro oni alvenis ĉe Gojto, sur bordo de Minĉo, kie li tuj serĉis sian leŭtenanton, forportitan kun brako rompita de nia ambulanco. Tiu-ĉi devis jam esti tien alveturinta. Oni montris al li preĝejon, kiu fariĝis sidejo de l' milita hospitalo. Li iris tien. La preĝejo estis plena da vunditoj kuŝantaj laŭ duobla vico da litoj kaj da matraĉoj sternitaj sur la planko: du kuracistoj kaj kelkaj flegistoj rapidadis al kaj reen; oni aŭdis sufokitajn kriojn kaj ĝemojn. Ĵus enirinta, la kapitano haltis kaj ĉirkaŭrigardis serĉante sian leŭtenanton.

Tiam li aŭdis, ke oni vokis lin per voĉo mallaŭta kaj proksimega.

Li turnis sin; estis la tamburisteto.

Tiu-ĉi kuŝis sur tabullito — ĝis la brusto kovrata per malbela fenestrokurteno je blankaj

kaj nigraj kvadratetoj, sur kiu estis etendataj liaj brakoj. Pala li estis kaj malgrasiĝinta, sed ĉiam kun siaj okuloj briletaj kiel gemoj.

— Ĉu vi tie-ĉi? — lin demandis la kapitano mirigite, sed rigide. — Brave, vi plenumis vian devon.

— Mi faris laŭpove — respondis la tamburisteto.

— Ĉu vi estas vundita? — diris la kapitano okulserĉante sian oficiron sur la proksimaj litoj.

— Ho! — diris la knabo iom kuraĝigita de l' fieriga plezuro esti unuafoje vundita (ĉar alie li ne kuraĝus paroli antaŭ tia kapitano) — kvankam mi ja kuris ĝibe, oni min vidis tuj. Mi estus alveninta antaŭ dudek minutoj, se ili ne estus min trafintaj. Feliĉokaze mi renkontis tuj stabkapitanon, al kiu mi donis la folieton. Sed malbele estis malsuprenkuradi post tiu karesaĵo! Mi sojfegis, timis ne ĝisveni, ploris pro l' kolero pensante, ke je ĉiu minutmalfruiĝo alia soldato mortiĝis tie. Sed pardonu, sinjor' kapitano, el via mano elfluas sango.

Vere je l' manplato malbone bandaĝita fluetis kelkaj sangogutoj.



— Ĉu vi permesas, ke mi mallarĝigu la bandaĝojn, sinjor' kapitano? Alproksimiĝu unumomente.

La kapitano alproksimiĝis kaj kunhelpis la knabon malligi kaj religi la banton; sed la knabo ĵus leviĝinta sur la kuseno, paliĝis kaj deviĝis reapogi sian kapon.

— Sufiĉe, sufiĉe — diris la kapitano, lin rigardante kaj altirante la manon bandaĝitan, kiun la tamburisteto tenadis; — zorgu vin mem, ĉar eĉ vundeto, malzorgata, povas gangreniĝi.

La tamburisteto skuis sian kapon.

— Sed vi — diris la kapitano — lin atente fiksante — tiel malforta, vi estas ja perdinta multe da sango!

— Perdinta multe da sango! — respondis la knabo, ridete.

— Ho! Jes. Rigardu.

Kaj li fortiris rapide la littukon.

La kapitano malantaŭenpaŝis terurigata.

La knabo havis nur unu kruron: la maldekstra estis amputita ĝis super la ĝenuo: la stumpo estis bandaĝita per tukoj sangumaj.

Tiumomente pasis militista kuracisto, malgranda kaj grasa kun refalditaj manikoj. — Ha!

Sinjor' kapitano, — li diris rapide montrante la tamburisteton — jen malfelicaĵo: oni estus facilege resaniginta kruron lian, se nur li ne estus tiel freneze ĝin trolaciginta: flamiĝo malbenita! Ni deviĝis fortranĉi tuj. Ho! sed... brava knabo! pri tio mi vin certigas: senlarme, senĝeme! Mi estis fiera, dum mi lin operaciis, ke li estas itala knabo, je l' honoro. Tiu ĉi estas el bona raso, pro Dio!

Kaj li forrapidis.

La kapitano sulkigis siajn grandajn brovojn blankajn, kaj fikse rigardis la tamburisteton, sternante malrapide sur li la kurtenon, sternante malrapide kaj rigardante lin fikse, li levis manon al la kapo kaj deprenis sian kepion.

— Sinjor' kapitano! — ekkriis la knabo mirigita. — kion vi faras, sinjor' kapitano? Por mi!

Kaj tiam tiu rigida militisto, kiu neniam estis dirinta ĝentilan vorton al iu subulo, respondis per voĉo nedireble amema kaj dolĉa:

— Mi estas nur kapitano; vi estas heroo.

Poste li ĵetiĝis kun malfermitaj brakoj sur la tamburisteton, kaj kisis lin trifoje ĉe l' koro.



# LA FLEGISTETO DE "TATA"

Jun pluvan matenon de marto, knabo kamparane vestita, tute malpura je akvo kaj koto, kun pakaĵo da tukoj sub la brako, prezentis sin al la pordisto de l' Hospitalo de l' Pilgrimantoj en Napoli kaj demandis pri sia patro, montrante leteron. Li havis ovrondan vizaĝon, brunpalan, pensemajn okulojn kaj dikajn lipojn, duonfermitajn, inter kiuj vidiĝis la dentoj blankaj. Li venis de vilaĝo en la ĉirkaŭaĵo.

Lia patro estis forveturinta antaŭ unu jaro Francujon por serĉi laboron. Sed antaŭ kelkaj tagoj li ree elŝipiĝis en Napoli, kie neatendite malsaniĝis kaj havis la nuran tempon sciigi sian familion, ke li sin rifuĝos hospitalen. Lia edzino tre ĉagreniĝis je tiu sciiĝo kaj, malhelpata alkuri pro filino malsana kaj eta filo, sendis tuj sian plej maturan filon kun kelkaj moneroj por flegi sian patron: sian *tata*, kiel oni diras tie. La knabo estis piedmarŝinta dek mejlojn.

La pordisto eklegginte la leteron alvokis flegiston kaj petis lin konduki la knabon al la patro.

— Kian patron? — demandis la flegisto.

La knabo tremante pro timo je malbona sciigo diris la nomon.

La flegisto ne memoris tiun nomon, kaj demandis: — Ĉu li estas maljuna laboristo ĵus enirinta?

— Laboristo, jes — respondis la knabo, ĉiam pli maltrankvila; — ne tiel maljuna. Ĵus enirinta, jes.

— Kiam li eniris? — demandis la flegisto.

La knabo rigardis la leteron.

— Antaŭ kvin tagoj, mi opinias.

La flegisto restis iom pensante: poste, kiel subite memoriĝante: — Ha! — li diris, — en la kvara ĉambrego, la lasta lito.

— Ĉu li tre malsanas? Kiel li fartas? — demandis ĉagrene la knabo.

La flegisto observis lin, senresponde. Poste li diris:

— Venu kun mi.

Ili supreniris du ŝtuparojn, trairis longan koridoron kaj ĝisvenis pordon malfermitan de ĉambrego enhavanta du vicojn da litoj. — Venu,



— rediris la flegisto enirante. La knabo kuraĝiĝis kaj sekvis lin, rigardante time, dekstren kaj maldekstren, la vizaĝojn blankajn kaj malgrasajn de l' malsanuloj, kiuj ie havis fermitajn okulojn kaj ŝajnis mortintaj, ie suprenrigardis fikse kiel timigitaj. Iuj ĝemadis kiel infanoj. La ĉambrego estis malluma; la aero akre odoris je medikamentoj. Du monaĥinoj iradis al kaj reen kun boteletoj en la manoj.

Kiam li alvenis ĉe l' ekstremaĵo de tiu ĉambrego, la flegisto haltis apud lito, kies malfermis la kurtenojn dirante: — Jen via patro.

La knabo ekploregis kaj, faliginte teren la pakaĵon, apogis sian kapon sur la ŝultro de l' malsanulo ekkaptante per mano lian brakon, kiu kuŝis sur la litkovrilo. La malsanulo eĉ ne skuiĝis.

La knabo releviĝis, rigardis la patron kaj reploregis. Tiam la malsanulo rigardis lin longe kaj ŝajnis rekoni lin. Sed liaj lipoj ne moviĝis. Malfeliĉa *tata*, kiel li estis aliiĝinta! La filo ne estus lin rekoninta: liaj haroj estis blankaj, la barbo estis kreskinta, ŝvelan li havis la vizaĝon kaj brunruĝan kun streĉata kaj brila haŭto; la mieno tute estis alia. Kiel antaŭe estis nur frunto kaj brovoj.

Li spiradis astme.

— *Tata, tata* mia! — diris la knabo. — Estas mi, ĉu vi ne konas min? Estas Ĉiĉĉillo (Francjo), via Ĉiĉĉillo, veninta de nia vilaĝo, sendita de panjo. Rigardu min.... ĉu vi ne konas min? Diru al mi vorton.

Sed la malsanulo, lin rigardinte, fermis la okulojn.

— *Tata! Tata!* Kion vi havas? Mi estas via filo, Ĉiĉĉillo via.

La malsanulo plu ne moviĝis, kaj spiradis astme.

Tiam, plorante, la knabo alproksimigis seĝon, sur kiu sidiĝis kaj restis atende ĉiam rigardante la vizaĝon de sia patro. — Kuracisto ja venos viziti lin — li pensis; — li ja diros al mi ion. — Kaj li profundiĝis en siaj melankoliaj pensoj, memorante multajn memorojn pri paĉjo: la ferveturtagon, kiam li lastafoje lin adiaŭis sur la ŝipo; la esperojn de sia familio je tiu vojaĝo; la ĉagrenegon de l' letero, kiam ĝi alvenis; kaj li pensis pri morto, vidis sian patron mortintan, sian patrinon nigrevestitan, sian familion en mizero. Longe li restadis tiel. Kiam malpeza mano tuŝis lian ŝultron kaj li skuiĝis: estis monaĥino. — Kion havas patro



mia? — tuj demandis al ŝi. — Ĉu li estas via patro? — diris la monaĥino dolĉece. — Jes, li estas mia patro, mi estas alkurinta. Kion li havas? — Kuraĝe, knabo, — diris la monaĥino; — baldaŭ venos la kuracisto. — Senalie ŝi malproksimiĝis.

Post duonhoro aŭdiĝis sonorilado kaj kuracisto aperis el ekstremaĵo de l' ĉambrego kun asistanto; monaĥino kaj flegisto sekvis lin. Ili ekvizitis la malsanulojn haltante apud ĉiu lito. Tiu atendo ŝajnis senfina al la knabo, kaj ĉiu paŝo de l' kuracisto kreskigis lian ĉagrenon. Fine li alvenis apud la proksima lito. La kuracisto estis maljunulo alta kaj kurba kun severa mieno. Antaŭ ol li disiĝis de la lito proksima, la knabo leviĝis kaj ekploris.

La kuracisto rigardis lin.

— Estas la filo de l' malsanulo — diris la monaĥino; — li alvenis hodiaŭ matene de sia vilaĝo.

La kuracisto metis manon sur lian ŝultron; poste kliniĝis super la malsanulo, palpis lian pulson kaj demandis ion al la monaĥino, kiu respondis: — Nenian novaĵon. — Li restis iomete pripensa; poste li diris: — Daŭrigu kiel antaŭe.

Tiam la knabo kuraĝiĝis kaj demandis plorvoĉe:

— Kion havas patro mia?

— Kuraĝon, filo, — respondis la kuracisto ree metante manon sur lian ŝultron. — Li havas vizaĝan erizipelon. Estas grava, sed ne senespera afero. Apudestu. Apudestado via povas utili.

— Sed li ne rekonas min! — ekkriis la knabo ĉagrene.

— Li vin rekonos... morgaŭ, eble. Ni esperu bone: kuraĝon!

La knabo emis fari aliajn demandojn: sed li ne kuraĝis. La kuracisto preteriris. Kaj tiam li komencis sian flegistvivon. Ne povante fari alion, li aranĝadis la littukojn, palpis iam post iam la manon de l' malsanulo, forpelis de li la muŝetojn, kliniĝis super li je ĉiu ĝemo kaj, kiam la monaĥino alportis ian trinkaĵon, prenis de ŝia mano la glason aŭ la kuleron kaj ĝin donis li mem. La malsanulo rigardis lin iafoje: sed ne ŝajnis lin rekoni. Tamen lia rigardo haltis ĉiam pli longe sur li, precipe kiam li viŝis per poŝtuko liajn okulojn. Tiel pasis la unua tago. Dum la nokto la knabo dormis sur du seĝoj en angulo de l' ĉambrego: kaj matene li



rekomencis sian piecan oficon. Tiun tagon la okuloj de l' malsanulo elmontris ekkonsciencon. Je l' karesa voĉo de l' knabo ŝajnis, ke nedifinebla dankemesprimo brilis unumomente en liaj pupiloj kaj unuafoje li iom ekmovetis siajn lipojn kvazaŭ por paroli. Post ĉiu dormetado, remalfermante la okulojn, li ŝajnis serĉi sian flegisteton. La kuracisto, lin vizitinte du fojojn, rimarkis etan pliboniĝon. Vespere, alproksimigante glason al liaj lipoj, la knabo kredis vidi lin rideti. Tiam li ekkonsoliĝis kaj ekesperis. Esperante esti komprenata almenaŭ konfuze, li paroladis longe pri panjo, pri fratinetoj, pri hejmenreveno kaj lin petis kuraĝiĝi per varmaj kaj amaj vortoj. Kaj kvankam li dubis ofte ne esti komprenata, li parolis tamen, ĉar ŝajnis al li, ke, eĉ ne komprenante, la malsanulo aŭskultis plezure lian voĉon, tiun malkutiman esprimon de amo kaj de malĝojo. Tiamaniere li pasigis la duan tagon, kaj la trian, la kvaran per intersekvado da etaj pliboniĝoj kaj da plimalboniĝoj neatenditaj. La knabo estis tiel absorbata de sia flegado, ke li dispecigis apenaŭ iom da pano kaj da fromaĝo, kiun la monaĥino alportis al li, kvazaŭ ne ekvidante tion, kio okazis apude: la malsanulojn mortantajn,

rapidan alkuron de l' monaĥinoj nokte, plorojn, ĉagrenesprimojn de l' vizitantoj, kiuj foriris senespere, ĉiujn dolorajn kaj funebrajn vidaĵojn de hospitalvivado, — kiuj alitempe estus lin terurigintaj. La horoj, la tagoj pasadis, kaj li estis ĉiam tie kun sia *tata*, atente, fervore, tremetante je ĉiu spireto lia kaj je ĉiu rigardo, agite, senripoze, inter espero, kiu trankviligis lian animon, kaj malespero, kiu glaciigis lian koron.

La kvinan tagon, neatendite, la malsanulo malboniĝis.

La kuracisto, pridemandita, skuis sian kapon, kiel por diri: « estas la fino », kaj la knabo falis sur seĝon ekploregante. Tamen li konsoliĝis pro tio, ke, malgraŭ la plimalboniĝo, la malsanulo ŝajnis reakiri iomete sian konsciencon. Li rigardis la knabon ĉiam pli fikse kaj ĉiam pli ameme, ne akceptis trinkaĵon aŭ medikamenton krom de li, kaj ĉiam pli ofte penis movi la lipojn kiel por paroli: tion li faris iafoje tiel klare, ke la filo ekkaptis forte lian brakon, subite esperiĝinta kaj diris al li kvazaŭ ĝojece: — Kuraĝon, kuraĝu, *tata*, vi resaniĝos, ni foriros, ni revenos hejmen al panjo, ankoraŭ iom da kuraĝo!



Estis la kvara posttagmeze, kaj jus tiam la knabo estis tiel espriminta sian ameman esperon, kiam de la pordo plej proksima li aŭdis paŝbruon kaj poste per laŭta voĉo du vortojn: — Adiaŭ, monaĥino! — kiuj lin piedlevigis kun sufokita krio en la gorĝo.

Tiumomente la ĉambregon eniris viro kun dika pakaĵo en la mano akompanata de monaĥino.

La viro rigardis lin unu minuton, ekkriis: — Ĉiĉĉillo! — kaj sin ĵetis al li.

La knabo falis en la brakojn de sia patro sufokate.

La monaĥinoj, la flegistoj, la asistanto alkuris kaj restis tie mirigataj.

La knabo ne povis paroli.

— Ho, Ĉiĉĉillo mia! — ekkriis la patro, fiksinte atente la malsanulon, kisante kaj rekisante la knabon. Ĉiĉĉillo, filo mia, kiel tio? Oni vin kondukis ĉe aliulon. Kaj mi, kiu malkonsoliĝis ne vidante vin, post ke panjo skribis: *mi sendis lin*, mi restis sola. Malfeliĉa Ĉiĉĉillo! Post kiom da tagoj vi estas tie ĉi? Kiel tiu malkompreniĝo? Mi feliĉe resaniĝis: mi sanas nun, jes! Kaj panjo? kaj Konĉettella? kaj

*'u nennillo*, [1]) kiel ili fartas? Mi eliras la Hospitalon. Ni iru ĉo! Ho, Dio, Sinjoro Dio! kiu estus tion dirinta!

La knabo penis diri du vortojn pri l' familio.

— Ho, kiel mi estas kontenta! — li balbutis.

— Kiel mi estas kontenta! Kiajn malbelajn tagojn mi pasigis! — Kaj li senĉese kisadis sian patron.

Sed li ne moviĝis.

— Venu ĉo, — diris la patro. — Ni reiros hejmen hodiaŭ vespere. Ni iru — kaj lin trenis al si.

La knabo sin turnis por rigardi la malsanulon.

— Sed... jes aŭ ne? — demandis al li la patro mirigata.

La knabo rigardis ankoraŭ la malsanulon, kiu, tiumomente, malfermis siajn okulojn kaj observis lin fikse.

Tiam elfluis el animo lia torento da vortoj.

— Ne, *tata*, atendu... jen... mi ne povas. Estas tiu maljunulo. Depost kvin tagoj mi apudestas lin. Li rigardas min senĉese. Mi kredis, ke li estas vi. Mi amegis lin. Li min rigardas, mi donas

---

1) = la fileto.



al li trinkaĵon, li volas min apude, nun li malsanegas, paciencu, mi ne kuraĝas, mi ne scias, li min troe dolorigas, mi revenos hejmen morgaŭ, lasu min restadi ankoraŭ iome, ne decas lasi lin, vidu kiel li min rigardas, mi ne scias kiu li estas, sed li min volas, li mortus sole, lasu min resti, kara *tata!* — Brave, *piĉĉirillo!* [1])

— ekkriis la asistanto.

La patro restis ŝanceliĝe, rigardante la knabon; poste li rigardis la malsanulon.

— Kiu estas? — li demandis.

— Kampulo kiel vi, — respondis la asistanto — rifuĝinta Hospitalon la saman tagon kiel vi. Oni portis lin ĉi tien svenintan kaj li nenion povis diri. Eble li havas familion malproksime, gefilojn. Li kredas, eble, ke la via estas unu el la siaj.

La malsanulo rigardis ĉiam la knabon.

La patro diris al Ĉiĉĉillo: — Restu.

— Li restos nur mallonge, — murmuris la asistanto.

— Restu, — ripetis la patro. — Vi estas bonkora. Mi iras tuj hejmen por trankviligi

---

1) = knabeto.

panjon. Jen kvin frankoj por viaj elspezoj. Adiaŭ, bona filo mia. Ĝis la revido.

Li lin ĉirkaŭprenis, rigardis lin fikse, lin rekisis sur la frunto kaj foriris.

La knabo revenis apud la liton, kaj la malsanulo ŝajnis konsolata. Ĉiĉcillo reiĝis lia flegisto ne plorante plu, sed amema kaj pacienca kiel antaŭe. Li rekomencis doni al li liajn trinkaĵojn, aranĝi la littukojn, karesi lian manon, paroli kun li dolĉece, por kuraĝigi lin. Li flegadis lin la tutan nokton, restis tie ankaŭ la morgaŭan tagon. Sed la malsanulo ĉiam plimalboniĝis: vizaĝo lia iĝis violkolora, lia spirado astmis, li agitiĝis ĉiam plie, el lia buŝo eliris malkompreneblaj krietoj, ŝvelaĵo lia iĝis monstra. Tiam Ĉiĉcillo duobligis siajn flegojn kaj observadis lin senĉese. Kaj senĉese lin rigardadis la malsanulo iam post iam movetante ankoraŭ la lipojn, kiel por diri ion: nedifinebla amemesprimo pasis ofte en liaj okuloj, kiuj ĉiam pli-malgrandiĝis kaj vualiĝis. Tiun nokton la knabo maldormis ĝis kiam li vidis je l' fenestroj blankumi la unuaj briletoj de l' tago kaj aperi la monaĥino. Ŝi alproksimiĝis al la lito, rigardis la malsanulon kaj rapide forpaŝis. Iom poste ŝi



reaperis kun la asistanto kaj unu flegisto, kiu portis lanternon.

— Estas la lastaj momentoj — diris la kuracisto. La knabo ekkaptis manon de l' malsanulo. Tiu ĉi malfermis la okulojn, fiksis lin kaj refermis ilin.

Tiam ŝajnis al la knabo, ke sia mano estis premata. — Li premis mian manon! — li ekkriis.

La kuracisto restis iomete klinata super la malsanulo, poste leviĝis. La monaĥino disigis krucifikson el la pario.

— Li mortis! — ekkriis la knabo.

— Iru, filo, — diris la kuracisto, — via sankta agado finis. Iru kaj estu feliĉa, ĉar vi ĝin meritas. Dio benos vin. Adiaŭ.

La monaĥino, kiu estis foririnta, revenis kun bukedeto da violoj, kiun ŝi donacis al la knabo, dirante:

— Mi havas nenion alian por doni al vi. Prenu tion kiel memoraĵon de l' Hospitalo.

— Dankon, — respondis la knabo, prenante la bukedeton per unu mano kaj viŝante siajn okulojn per la alia; — sed tiel longe mi devas piediri... mi velkigus ĝin. Malliginte la bukedeton, li disĵetis la violojn sur la liton kaj diris:

— Mi lasas ilin kiel memoraĵon por mia malfeliĉa mortinto. Mi dankas vin, monaĥino. Dankon, sinjoro doktoro. — Poste sin turnante al la mortinto:

— Adiaŭ... — Kaj dum li serĉis nomon por li, el la koro revenis al liaj lipoj la dolĉa nomo, per kiu li estis vokinta lin dum kvin tagoj: Adiaŭ, malfeliĉa *tata!*

Poste, kun sia tukpakaĵo sub unu brako, malrapide, tute laca, li eliris. La suno leviĝis.

***



## SANGO ROMANJA

Tiun vesperon la domo de Ferruccio (elp: *Ferruĉĉo*) estis pli kvieta ol kutime. La patro, kiu posedis etan butikon je diversaĵoj, estis irinta Forli'on por aĉeti; kaj lia edzino estis akompaninta lin kune kun Lunjo, kiun okulkuracisto devis operacii. Ili estis revenontaj hejmen nur la morgaŭan matenon.

Estis proksimume noktomezo. La virino, kiu tage venis tien fari kelkajn servojn, estis foririnta je noktiĝo. Hejme restis nur la avino, paralizita je l' kruroj, kaj Ferruccio, dektrijara knabo. Ilia dometo estis unuetaĝa, konstruita apud la stratego, cent metrojn de iu vilaĝo proksima al Forli'o, urbo de Romanjo: ĉirkaŭe estis nenio krom senhoma konstruaĵo, ruinigita antaŭ du monatoj de l' fajro, sur kiu ankoraŭ estis videbla gasteja insigno. Malantaŭ la dometo estis malgranda legomĝardeno ĉirkaŭata per palisaro: tiuflanke estis ankaŭ pordeto. La

enirejo de l' butiko, kiu estis ankaŭ la pordo de l' domo, malfermiĝis ĉe la stratego. Vaste ĉirkaŭe etendiĝis senhoma kulturkamparo, dissemita je morusarboj

Estis proksimume noktomezo, pluvis, ventegis. Ferruccio kaj la avino ne ankoraŭ kuŝiĝintaj restis en la manĝejo, inter kiu kaj la legomĝardeno troviĝis ĉambreto plena da mebloj malnovaj. Ferruccio estis hejmen reveninta je la dekunua post multhora forrestado, kaj la avino estis lin atendinta ĉagrene, najlita sur sia larĝa brakseĝego, kie ŝi kutimis pasigi la tutan tagon kaj ofte eĉ la tutan nokton, ĉar astmo malhelpis ŝin kuŝadi.

Pluvis kaj la vento batigis la pluvon kontraŭ la vitrojn: la nokto estis mallumega. Ferruccio estis reveninta laca, kotkovrita, kun disrompita jako kaj kun ruĝbluaĵo pro ŝtonfrapo sur la frunto. Li estis ŝtonuminta kun siaj kunuloj kaj laŭkutime ili estis malpaciĝintaj; plie li estis ludinta, perdinta ĉiujn siajn monerojn kaj lasinta sian ĉapon en fosaĵo.

Kvankam la manĝejo estis lumigata nur per oleolampo el unu angulo de l' tablo, ĉe la seĝego, tamen la malfeliĉa avino estis tuj



vidinta kiel mizere aspektis la nepo; kaj iom estis diveninta, iom estis iginta lin konfesi siajn petolaĵojn.

Ŝi amegis tutkore tiun knabon. Kiam ŝi sciis la tutan aferon, ŝi ekploris.

— Ha! ne — ŝi diris post longa silento: — vi ne havas koron por via malfeliĉa avino. Vi ne havas koron, se vi kaptas la okazon de foresto gepatra por ĉagrenigi min. Vi lasis min la tutan tagon sola! Vi ne sentis iom da kompatemo. Atentu, Ferruccio! Vi eniras malbonan vojon, kiu kondukos vin al fino malhonora. Mi jam vidis aliajn knabojn komenci kiel vi kaj fini mizere. Oni komence forflugas de sia hejmo, malpaciĝas kun la samaĝuloj, perdas siajn monerojn; poste, iom post iom, de ŝtonoj oni transiras al tranĉilo, de ludado al aliaj malvirtoj kaj de la malvirtoj.... al ŝtelado.

Ferruccio aŭskultadis starante tri paŝojn malproksime, sin apogante ĉe ŝranko, kun la mentono sur la brusto, kun la brovoj streĉitaj, ankoraŭ varma je kolero pro la malpaciĝo. Li havis buklon da belaj haroj kaŝtankoloraj tra la frunto, kaj la okuloj bluaj estis senmovaj.

— De ludo al ŝtelado, — ripetis la avino

ploradante. — Pripensu, Ferruccio, pripensu pri tiu ĉagrenaĵo de l' vilaĝo, pri tiu Vito Mozzoni (elp: *Mocconi*), kiu nun estas jam estinta dufoje en malliberejo kaj mortigis per kordoloroj sian malfeliĉan patrinon; kaj lia patro forflugis Svisujon senespere. Pensu pri tiu malbonulo, kiun via patro hontas saluti, ĉiam vaganta kun kunuloj pli malhonestaj ol li, ĝis kiam li falos en galeron. Bone mi lin konis infano: li komencis kiel vi. Pensu, ke vi igos viajn gepatrojn fini same kiel la liaj.

Ferruccio silentis. Li ne estis malbonkora, tute ne. Lian petolemon kaŭzis verŝajne pli vivtroeco kaj kuraĝeco ol animo malbona. Lia patro lin kreskigis tiel ĝuste ĉar, kredante lin kapabla je sentoj plej indaj kaj ankaŭ, laŭsperte, je ago forteca, permesis al li grandan liberecon kaj atendis, ke li mem reboniĝos. Bona li estis multe pli ol male; sed fiereca kaj malema — eĉ kiam li estis pentopremata — diri tiujn vortojn perdonigajn: — Jes, mi estas malprava, mi tion ne faros plu; mi ĝin promesas. Pardonu min. — Lia animo estis iafoje vibranta je dolĉeco; sed lia fiereco malhelpis esprimi ĝin.

— Ha, Ferruccio! — daŭrigis la avino vidante lin tiel silenta. — Ne eĉ unu vorton pri pento vi diras al mi! Vi ja vidas en kia stato mi estas, ke oni povus enterigi min. Vi ne devus kuraĝi min suferigi, plorigi la panjon de via panjo, tiel maljunan, proksiman al sia lasta tago; vian malfeliĉan avinon, kiu vin amis ĉiam tiel multe; kiu luladis vin dum tutaj noktoj, kiam vi estis infaneto, kaj kiu eĉ ne manĝis por ludigi vin; vi ne scias tion! Mi diradis: — Tiu ĉi estos mia konsolo! — Jen nun vi mortigas min! Mi donus volonte kiom da vivo ankoraŭ restetas al mi por vidi vin ree bona, obeema kiel tiam.... Ferruccio! Vi plenigis miajn poŝojn per ŝtonetoj kaj herbetoj, kaj mi realportis vin hejmen dormantan! Tiam vi amis vian malfeliĉan avinon. Nune, kiam mi estas paralizita kaj bezonas vian amon kiel la aeron por spiradi, ĉar mi sur la tero, alian havas nenion, ho mi malfeliĉa virino duonviva, Dio mia!...



Ferruccio, kortuŝita, volis alkuri al la avino, kiam ŝajnis al li aŭdi brueton, kraketadon en la ĉambreto apud la ĝardeno. Sed li ne komprenis ĉu estis la fenestroj movigataj de l' vento aŭ alia kaŭzo.

Li aŭskultis ambaŭorele.

La pluvo falegis.

La bruo renoviĝis. Ĝin aŭdis ankaŭ la avino.

— Kio estas? — ŝi demandis maltrankvile.

— La pluvo, — murmuris la knabo.

— Do, Ferruccio, — diris la maljunulino, viŝante siajn okulojn, — ĉu vi promesas al mi, ke vi estos bona, ke vi neniam plu plorigos vian malfeliĉan avinon...

Ree brueto interrompis ŝin.

— Sed la pluvo ne ŝajnas al mi! — ŝi ekkriis paliĝante... — iru vidi!

Sed ŝi tuj aldonis: — Ne, restu ĉi-tie! Kaj ŝi ekkaptis lian manon.

Ambaŭ restis kvazaŭ senspire. Ili nur sentis la bruon de l' akvo.

Poste ambaŭ frosttremis.

Al li kaj al ŝi ŝajnis aŭdi piedfrotetadon en la apuda ĉambro.

— Kiu estas? — demandis la knabo, penante elmeti la voĉon.

Neniu respondis.

— Kiu estas? — redemandis Ferruccio glaciigata de l' timo.

Li estis apenaŭ eldirinta tiujn vortojn, kiam



ambaŭ eligis terurkrion. Du homoj estis ensaltintaj en la ĉambron. Unu ekkaptis la knabon kaj per mano fermis lian buŝon; la alia ekkaptis la maljunulinon ĉe l' gorĝo. La unua diris: — Silenton, se vi ne volas mortiĝi! — La dua: — Silentu! — Kaj eligis tranĉilon. Ili ambaŭ havis tuketon nigran sur la vizaĝo kun du truoj antaŭ la okuloj.

Dum unu momento oni aŭdis nur la penan spiradon de ĉiuj kvar kaj la falegon bruan de l' pluvo. La maljunulino ĝemetadis kaj ŝiaj okuloj kvazaŭ eliĝis el ŝia kapo.

Tiu, kiu tenis la knabon, diris al li mallaŭte: — Kie gardas la monon via patro?

— En la apuda ĉambro... en la ŝranko.

— Venu kune, — diris la homaĉo, kaj trenis lin en la apudan ĉambron tenante lin fortike je l' gorĝo. Tie estis okullanterno sur la planko.

La knabo duonsufokita montris la ŝrankon.

Tiam, por esti certa pri l' knabo, la homaĉo genuigis lin antaŭ la ŝranko, premante inter kruroj lian kolon, tiel ke li povis facile sufoki lin, se li okaze ekkrius. Poste, tenante la tranĉilon inter la dentoj kaj l' okullanternon

en la mano, eltiris el sia poŝo akrigitan ferajon, enmetis ĝin en la seruron, disrompis, malfermis la portetojn, miksigis rapide ĉion, plenigis siajn poŝojn, refermis, remalfermis, reserĉis. Fine li ekkaptis la knabon je l' gorĝo kaj puŝis lin tien, kie la alia tenis la maljunulinon konvulsian kun la kapo renversita kaj la buŝo malfermita.

Tiu-ĉi demandis mallaŭte: — Ĉu bone?

La kunulo respondis: — Jes.

Kaj aldonis: — Atentu je l' pordo.

Tiu, kiu tenis la maljunulinon, kuris al la pordo ĉe la legomĝardeno, por observi ĉu estis iu, kaj diris de tie per voĉo fajfsimila: — Venu!

La dua, kiu ankoraŭ tenadis Ferruccion, montris la tranĉilon al la knabo kaj al la maljunulino, kiu ekmalfermis la okulojn, dirante: — Ne eĉ unu vorton! Alie, mi revenos kaj tranĉos viajn ĝorĝojn!

Li fiksis ilin ambaŭ unumomente.

Tiam aŭdiĝis malproksime kantado de multaj voĉoj.

La ŝtelisto turnis rapide sian kapon al la pordo, sed en tia rapida movo la tuketo falis de lia vizaĝo.

La maljunulino ekriis: — Mozzoni!



— Malbenita! — blekis la ŝtelisto rekonita. — Vi devas morti!

Kaj li aproksimiĝis alte tenante la tranĉilon kontraŭ la virino, kiu tuj svenis.

La mortigisto frapis.

Sed per rapidega movo, ekkriante senespere, Ferruccio estis sin ĵetinta sur la avinon kaj kovrinta ŝin per sia propra korpo. La mortigisto forflugis puŝante la tablon kaj faligante la lumilon, kiu estingiĝis.

La knabo glitis teren kaj falis genuen, restante tiel kun la brakoj ĉirkaŭantaj la avinon kaj kun la kapo sur ŝia brusto.

Kelkaj minutoj pasis. Estis mallumege. La kanto de l' kamparanoj malproksimiĝis. La maljunulino rekonsciiĝis.

— Ferruccio! — ŝi vokis per voĉo apenaŭ aŭdebla, batetante la dentojn.

— Avino, — respondis la knabo.

La maljunulino penis paroli: sed la timego paralizadis ŝian langon.

Ŝi silentadis longe tremegante.

Fine ŝi sukcesis demandi:

— Ĉu ili ne estas plu ĉi-tie?

— Ne.

— Ili ne mortigis min, — murmuris la maljunulino per raŭka voĉo.

— Ne... vi estas senvunda, — diris Ferruccio per voĉo mallaŭta. — Vi estas savita, kara avino. Ili forportis monon. Sed la patro... estas kunportinta kvazaŭ ĉion.

La avino elspiris.

—Avino,—diris Ferruccio ĉiam genue ŝin ĉirkaŭpremante,— kara avino... vi amas min, ĉu ne?

— Ho, Ferruccio, malfeliĉa filo mia! — ŝi respondis, metante manon sur lia kapo; — kian teruron vi estas suferinta! Ho, Sinjoro Dio kompatema! Bonvolu bruligi la lampon... Ne, ni restu en mallumo, mi ankoraŭ timas.

— Avino, — aldonis la knabo — mi ĉiam doloriĝis vin...

— Ne, Ferruccio, ne diru tion; mi ne sonĝas plu pri tio, mi forgesis ĉion, mi amas vin tutkore.

— Mi dolorigis vin ĉiam, — daŭrigis Ferruccio, pene, per trema voĉo, — sed... mi amis vin ĉiam. Ĉu vi min pardonas?... Pardonu min, avino.

— Jes, filo, mi vin pardonas, mi vin pardonas tutkore. Kial mi ne pardonus vin? Leviĝu, fileto mia. Mi ne vin riproĉos plu. Vi estas bona, vi estas tre bona! Ni bruligu la lampon. Ni



kuraĝigu iomete unu la alian. Leviĝu, Ferruccio.

— Mi dankas vin, avino, — diris la knabo per voĉo ĉiam pli mallaŭta. — Nun... mi estas kontenta. Vi memoros min, avino... ĉu ne? vi memoros ĉiam min... Ferruccion la vian.

— Ferruccio mia! — ekkriis la avino, mirigata kaj maltrankvila metante la manojn sur liajn ŝultrojn kaj klinante la kapon kiel por rigardi lian vizaĝon.

— Rememoru min — murmuris ankoraŭ la knabo per voĉo blovsimila. — Donu kison al mia patrino... al mia patro.... al Lunjo... Adiaŭ, avino...

— Je l' nomo de l' ĉielo, kion vi havas? — kriis la maljunulino palpante ĉagrene la kapon de l' knabo, kiu estis sin enlasinta sur ŝiajn genuojn; kaj poste, per kiom da voĉo ŝi havis en la gorĝo, senespere: — Ferruccio! Ferruccio! Ferruccio! Infano mia! Amaĵo mia! Anĝeloj de l' Paradizo, helpu min!

Sed Ferruccio plu ne respondis. La eta heroo, la savinto de l' patrino de sia patrino, vundita per tranĉilo en la dorso, estis redoninta sian belan animon al Dio.

* * *

# ENHAVO

